Jaro IV * N.° 46ª Oktobro * 1907

# LA SUNO HISPANA *



# EL ROMANCERO

DE L'

## FRANCA POETO J. M. DE HEREDIA

ESPERANTIGIS J. PARISOT (8113)

(Verso kvinakcenta dekdusilaba.)

### I. La Mampremego.

Dieg' Lajnezo pri familio revas,
de Hispanujo, el plej nobela sango;
sed li ne manĝas ne eĉ okulojn levas.

Restadas ĉiam sen dormo li, sen vorto,
de kiam Grafo lin frapis sur la vango
kaj li ne povis sin venĝi, pro malforto.

Tedate, li jam amikojn ne renkontos,
nek la insulton, pro fierego kasta,
malkaŝe diros, ĉar antaŭ ili hontos.

Li tiam reĝan idaron sian vokis:
Alfonso, Sanĉo, Manrik' kaj Ruj' la lasta,
kvarope ili sin antaŭ l' patro lokis.

Ĉar koro batis, la griza barbo tremis,
sed pro honor' li detenis sin, nek ploris.
Al Sanĉ' l' unua li manojn forte premis,

Pro tia stranga atako Sanĉo miris:
—«Sufiĉas, patro! ĉar vi min ja doloris!»
—Min kial vundis vi do?» la dua diris.

Manriko vice: —«Sinjoro!» li parolis,
«ungegoj viaj eniĝas tro kruele!»
Sed li al filoj respondi eĉ ne volis.

Malĝoja, ĉar jam ne inda brak' sin trovis,
en kiun lia metiĝos fort' nobele,
Diego Rujon la lastan filon provís,

kaj furioze palpante, li maldikajn
braketojn, ŝultrojn, kaj manradikojn premis,
pro tia granda faraĵo malfortikajn.

Tordiĝis fingroj malmolaj de l' soldato
jam laca, kiu esper'en lasta ĝemis;
sed knabo patron rigardis sen kompato.

La Maljunulo flamegis. Rujo pala,
ĉar fertenilo la molan karnon ŝiras,
sufokíĝinte, kun voĉo malafabla,

kriegis:—«Lasu min, lasu, per Infero;
se ne, mi vian inteston tuj eltiras!
Ja man' fariĝos marmoro, ungoj fero.»

Ekscitigita la Maljunul':—«Mi konas
nun sangon mian, animon mian, filo!
Je Dio! via koler'esperon donas.»

Kun krioj, larmoj, malamon li elĵetis,
kaj kiel estis frapita en humilo,
de kiu, kiam kaj kie li ripetis.

Gravegon tiam el ingo li deprenis,
de l' fertenilo kruciĝon kisis fide,
la knabon igis ĝin preni kaj lin benis.

—«Jen vi post pastro armilon tiun havu!
Pied' firmiĝu kaj agu man' rapide:
honoron mian perditan sango lavu!»

Post unu horo la Grafon Ruj' mortigis.

## II. La Revenĝo de Diego Lajnez'

Pli paliĝinta per vakskandel', Diego
vasalojn ĉirkaŭ l' vespera manĝ' kunigis
kaj sola sidis sur ĉefa la seĝego.

Ĉeestas kvankam tri filoj, lin ĉagrenas
malĝoja penso pri plej juneta filo
Cu Graf' lin buĉis? li kial ne revenis?

Varmiĝas vino arĝentaj en kalikoj;
viandajn pladojn ne tuŝas per tranĉilo
servist' senmova falditaj kun manikoj;

ĉar: «Oni tranĉu!»
De kiam sidas
da larmoj, lia
la Estro jam ne diras.
sur seĝo li, rivero
sur griza barb' deiras.

Ce l' tabl' senplada
popol' oscedas:
vasaloj, filoj,
servisto grave staras;
dum tiu ĉi vespero,
neniu manĝon flaras.

Vidaĵon, kiu
Dieg' forigas,
malvivan filon
senĉese lin *insidas*,
okulojn fermas: sian
kaj vivan honton vidas.

Honor' perdiĝis!
de la praavoj
insulton, ho, ve!
la senmakula sango
riproĉos al li tian
restintan sur la vango.

Aliĝis al li
De l' fiereco
nenio: filo
hontego, malhonoro.
antikva sia, restas
pereis, mortis gloro!...

—«Sinjor', rigardu!
Ĉar senviande
jen, sen servistoj,
ja mi vin ne forlasis!
malriĉa tablo estas,
sen hundoj mi ĵus ĉasis,

ekkaptis apron;
ke vi ĝin havu.»
palegan kapon
jen ĝia kap'; konvenis,
kaj Rujo, per la haro
de l' Grafo streĉe tenis.

Tuj eksaltinte
—«Ha! kap' sensanga!
Okul' turniĝis,
de sia seĝ', Diego:
malnobla Graf', barbaro!
oscedas la lipego!

Jesja, ci estos
mokeman langon
insulton oni
Eltranĉis glavo kolon;
nun dentoj morde fendas:
ne aŭdos plu parolon!»

Ĉar unutranĉe
sanggutojn, kiuj
la Maljunulo
la kapon glav' deĵetis,
de ĉiu fibro pendas,
sur sian vangon metis.

Ĉe laŭta lia
—«Ho, Ruj', ho, filo!
min liberigis!
kriego, halo tremis:
venkinto! brako via
min, kiun honto premis.

Kaj ci, malnobla
mi fine, kiam
nepardonatan
vizaĝo! ĝojos kore
mi kun malam' pasia,
insulton venĝos glore.»

Teruran kapon
venĝegon li nun
kaj vi, ho Rujo,
li manfrapante:—«Mian
ricevis. Ĉiuj vidu!
portinte kapon tian,

sur ĉefa seĝo
je l' kap' de l'domo sidu!»

J PARISOT

* * *

## Sciigoj

**Anglujo.**—Nova grupo fondiĝis en London'o sub la nomo «Nova Stelo».

Ankaŭ oni fondis grupojn en West'o, Hartlepool'o, Middlesborongh'o, High, Wycombe'o kaj Blackpool'o.

**Belgujo.**—En ĝenerala kunveno de «Belga Ligo Esperantista» okazinta en Bruselo la 28an de Julio, oni prenis multajn kaj bonajn decidojn, celantajn al la propagando de Esperanto en tiu lando.

En kunveno de socialistoj okazinta ankaŭ tie, ili decidis sin aligi al la delegacio por alpreno de internacia lingvo.

**Bohemujo.**—

† S.ro D.ro J. Dobrusky, fama kaj malnova esperantisto mortis en Praga'o.

Niajn plej sentajn kondolencojn al lia familio.

Nia kara kolego «Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu», okaze de Jubileo de Esperanto, eldonis beletajn duoblajn poŝtkartojn kun bildo de ĉiuj 40 revuoj esperantistaj hodiaŭ elirantaj. Prezo: 1 ekz., 4 Sd.; 10, 35 Sd.; 100, 2,50. Tiu laboro estis represita en ilustrita ĵurnalo kiun oni enpresas en Praga'o.

Gi publikigas ankaŭ portreton de la respektinda okdekjara S.ro Bakalar Srbecky, paroĥestro de Angeru, de dekvin jaroj volapükisto kaj hodiaŭ esperantista pro konvinkiĝo pro supereco de Esperanto rilate al ĉiu la artaj lingvo.

La bohemaj kluboj esperantistaj, baldaŭ fondos societon titolitan «Bohema Unio Esperantista».

**Brazilujo.**—En Berlitz School of Lenguages», de Rio de Janeiro, faras esperantan kurson nia amiko S.ro Paul Berthelot.

**Bulgarujo.** — «Bulgara Esperantisto» sciigas nin ke ĝi ĉesos eliri ĝis decido de Kongreso de la bulgaraj esperantistoj kiu

## Noticias

**Inglaterra.**—Un nuevo grupo se ha fundado en Londres bajo el nombre de «Norda Stelo».

También se han fundado grupos en West, Hartlepool, Middlesborough, High Wycombe y Blackpool.

**Bélgica.** — En reunión general de «Liga Esperantista Belga», verificada en Bruselas el 28 de Julio, se tomaron muchas y buenas decisiones encaminadas á la propaganda del Esperanto en aquel país.

Una reunión de socialistas que tuvo lugar también allí decidieron adherirse á la delegación para adoptar una lengua internacional.

**Bohemia.**—

† El Sr. Dr. J. Dobrusky, famoso y antiguo esperantista, ha muerto en Praga.

Nuestro más sentido pésame á su familia.

Nuestro querido colega Ĉasopis Ĉesky'ch Esperantistu», con motivo del jubileo del Esperanto ha editado unas bonitas tarjetas postales con dibujo de todas las 40 revistas de Esperanto que hoy se publican. Precio: 1 ejemplar, 4 Sd.; 10, 35 Sd.; 100, 2'50 Sm. Ese trabajo ha sido reimpreso en un diario ilustrado que se edita en Praga.

Publica también un retrato del respetable octogenario Sr. Bakalar-Srbecky, párroco de Angeru, desde hace veinte años volapükista, y hoy esperantista por convencimiento de la superioridad del Esperanto sobre todas las lenguas artificiales.

Los clubs esperantistas bohemios fundarán pronto una sociedad que se titulará «Unión Bohemia Esperantista».

**Brasil.**—En la «Escuela de lenguas Berlitz», de Río de Janeiro, hace un curso de Esperanto nuestro querido amigo Sr. Pablo Berthelot.

**Bulgaria.** — «Bulgara Esperantisto» nos manifiesta que cesa de publicarse hasta la decisión del Congreso de los es-

okazos la 18an Aŭgusto en Tirnovo. Ni bedaŭras foriron de nia estimata kolego.

Laŭ nia kara kunfrato «Lumo», Esperanto progresadas en Gor Orehovica'o, Levski'o, Oebelec'o, Kazanlik'o, Silistra'o, Sofia'o, kaj en aliaj gravaj bulgaraj urboj.

**Filipinaj Insuloj.**—Novan amikon ni havas. Ni ricevis la unuan numeron de «Filipina Esperantisto» gazeto ĵus naskita en Manilo, kiun oni publikigas esperante, angle kaj hispane kaj alvenas kun kuraĝa propono labori. Niajn fratajn salutojn kaj bondezirojn al la estimata kolego dankante ĝian sendon kaj akceptante tre plezure la interŝanĝon.

**Francujo.**—

† Ĵus mortis en Troyes'o S.ro M. Brocher unu el la plej bonaj esperantistaj, kaj utila, ĉar li estis bonega profesoro de Esperanto kaj pro liaj lecionoj multaj personoj fariĝis tie bonaj esperantistoj. Ni kunigas nin al la bedaŭro de liaj parencoj kaj amikoj.

† S.ro Eloi-Joseph Whemaes sepdektrijara, de tri jaroj esperantisto, kunlaboranto de «Espero Katolika», ankaŭ mortis. Ni tion bedaŭregas kun lia familio.

«Les Annales Diplomatiques et Consulaires», en sia numero de la 5a de Junio, enhavas artikolon de S.ro A. Montader kontraŭ Esperanto, en kiu li diras ke kiu ajn lingvo povas esti lernita dum unu monato kaj ke la hispana lingvo estas cent fojojn pli facila ol Esperanto. Kiel per la irado oni pruvas la movadon, post kiam S.ro Montader estu studinta hispanan lingvon dum unu monato, li ekspertizos. La plimulto el la hispanaj esperantistaj diras ke ili trovas pli facile sin perfektigi en la esperanta lingvo ol en la propra.

Novan, estimindan kolegon, ni havas. Ni ricevis unuan numeron de «Laboro». En ĝia unua artikolo, S.ro Cart diras al la laboristoj ke la lernado de Esperanto estas por ili ne nur profito, sed internacia *devo* kaj post tiel simpatia frazo en dua artikolo titolita «Analizo», S.ro Luis Car-

perantistas búlgaros, que tendrá lugar el 18 de Agosto en Tirnovo. Sentimos la ida de nuestro estimado colega.

Según nuestro querido hermano «Lumo», el Esperanto progresa en Gor-Orehovica, Levski, Debelec, Kazanlik, Silistra, Sofía y en otras importantes ciudades búlgaras.

**Islas Filipinas.**—Tenemos un nuevo amigo. Hemos recibido el primer número de «Filipina Esperantisto», periódico que acaba de ver la luz en Manila, que se publica en esperanto, inglés y español y que viene con valeroso propósito de trabajar. Nuestros fraternales saludos y votos por la prosperidad del estimado colega, agradeciendo el envío de él y aceptando con mucho gusto el cambio.

**Francia.**—

† Acaba de fallecer en Troyes el señor M. Brocher, uno de los mejores esperantistas, y útil, porque fué un magnífico profesor de Esperanto, y por sus lecciones muchas personas se hicieron allí buenos esperantistas. Nos unimos al sentimiento de sus parientes y amigos.

† El Sr Eloy José Whemaes, de setenta y tres años, hace tres esperantista, colaborador de «Espero Katolika», también ha muerto. Lo sentimos muchísimo con su familia.

Los «Anales Diplomáticos y Consulares», en su número del 5 de Junio contiene un artículo del Sr. A. Montader contra el Esperanto, en el cual dice que cualquier lengua puede ser aprendida durante un mes, y que la lengua española es cien veces más fácil que el Esperanto. Como andando se demuestra el movimiento, después de que el Sr. Montader haya estudiado el español durante un mes, él peritará. La mayor parte de los esperantistas españoles dicen que encuentran más fácil perfeccionarse en la lengua esperanta que en la propia.

Nuevo, digno de estimación colega tenemos. Hemos recibido el primer número de «Laboro», el cual en su primer artículo dice á los trabajadores el señor Cart, que el estudio del Esperanto es para ellos no sólo un provecho, sino un *deber* internacional, y después de tan simpática

los evidentigas ke tutmonda laborista sosocieto, kaj alpreno de tutmonda lingvo por ĝiaj interrilatoj, estas *bezonajn*. Ni kore salutas la ĵuselirintan gazeton kaj deziras la trafon de ĝia ĉefa celo, kiu estas laŭ ĝia diro, «disvastigadi Esperanton ĉe la laboristoj kaj per ĝi plibonigi ilian bonstaton».

frase, en un segundo artículo titulado «Análisis», el Sr. Luis Carlos prueba que una sociedad universal de trabajadores y la adopción de una lengua universal para sus relaciones, son *necesarias* Saludamos cariñosamente el recién salido periódico y deseamos el logro de su principal fin, que es, segun dice, «difundir el Esperanto entre los trabajadores, y por él mejorar el buen estado de ellos.»

Laŭ nomaro kiun ĝentile sendis al ni «Delegation pour l'adoption d'une langue auxiliaire internationale» estas jam aliĝintaj 1251 subskriboj deanoj el gravaj sciencaj societoj el la mondo.

Según relación que atentamente nos remite la «Delegation pour l'adoption d'une langue auxiliaire internationale», hay ya adheridos 1.251 miembros de importantes sociedades científicas del mundo.

La Armentieres'a estrara konsilantaro voĉdonis helpmonon por tiea grupo.

El Ayuntamiento de Armentiéres ha votado una subvención para aquel grupo.

Oni fondis grupon en Parizo ĉe la «Assotiation Franciscaine», kaj alian en Beauvais'o.

Se ha fundado un grupo en París, en la «Asotiation Franciscaine», y otro en Beauvais.

En «Kongreso Jeanne d'Arc», respektinda episkopo kontraŭstaris proponon akcepti Esperanton en estontaj kongresoj, tial ke, laŭ li diris *esperantismo estas entrepreno framasona*. Multaj katolikaj esperantistoj montris al Lia Moŝta sinjoro lian eraron, kaj li konvinkita respondis: *Mi tute konfesas, ke la lingvo Esperanto estasnur ilo, kiu povas utili same por Vero kaj malvero.*

En el «Congreso de Juana de Arco», un respetable obispo combatió la proposición de aceptar el Esperanto en futuros congresos, porque, según dijo, *el esperantismo es una empresa francmasona*. Muchos católicos esperantistas demostraron al eminente señor su error, y él, convencido, respondió: *Confieso por completo que el idioma Esperanto es sólo instrumento que puede ser útil lo mismo para la Verdad que para el error.*

Por trankvileco de la esperantistoj katolikaj kaj por honori la noblecon de Monsinjoro Foucault, ni rilatas tiun aferon, pri kiu ni silentis ĝis nun, tial ke ni atendis tiun fratan finon.

Para tranquilidad de los esperantistas católicos y para honrar la nobleza de Monseñor Foucault referimos este asunto, respecto al cual hemos callado hasta ahora, porque esperábamos este fin fraternal.

Laŭ la lasta kajero (kvina) de «Esperantista dokumentaro, kiujn ĝentile sendadas al ni «Esperantista Centra Oficejo» kaj ni dankegas, estas en la mondo 59 profesiaj societoj esperantistaj; 13 gazetoj nur skribitaj en Esperanto; 59 en Esperanto kaj lokaj naciaj lingvoj; 25 naciaj enhavantaj regulajn kronikojn en Esperanto; 11 kongresoj akceptis aŭ rekomendis la uzon de Esperanto; 27 societoj nekomercaj, korespondas per Esperanto, kaj 639 esperantistaj grupoj funkciadas. El ili estas en Eŭropo 542: Aŭstrujo 39, Belgujo 21, Britujo 103,

Según el último cuaderno (el 5.°) de «Colección documental esperantista que atentamente nos va enviando «Esperantista Centra Oficejo» y agradecemos muchísimo, hay en el mundo 59 sociedades esperantistas profesionales; 13 periódicos escritos solo en Esperanto; 59 en Esperanto y lenguas nacionales locales; 25 nacionales, conteniendo con regularidad crónicas en Esperanto; 11 congresos han aceptado ó recomendado el uso del Esperanto; 27 sociedades no comerciales sostienen correspondencia en Esperanto, y 639 grupos esperantistas funcionan. De

Bulgarujo 16, Danujo 2, Francujo 156, Germanujo 49, Gibraltar 1, Hispanujo 40, Holandujo 9, Hungarujo 2, Italujo 8, Malta 6, Monako 1, Norvegujo 4, Rusujo 26, Svedujo 20, Svisujo 39. En Azio 16: Hindujo 5, Japanujo 4, Koŝinĥinujo 1, Azia ruzujo 3, Straits Settlements 1, Tonkino 1, Azia turkujo 1. En Afriko 6: Alĝerio 3, Franca Gvineo 1, Madagaskaro 1, Tunisio 1. En Ameriko 69: Bolivia 1, Brasilo 11, Ĉilo 2, Kanado 4, Meksikujo 4, Peruo 1, Unuigitaj Ŝtatoj 44, Urugvajo 2. En Oceanio 6: Aŭstralio 2, Nova Zelando 4.

Fierigas nin ke en tiu ĉi progresema movado, Hispanujo okupas la kvinan lokon.

**Germanujo.**—Universala kongreso de paco okazos en Munĥen'o de la 9ª ĝis la 14ª de la proksima Septembra monato.

Novaj grupoj fondiĝis en Breslaŭ'o, Hannover'o, Lorrach'o kaj Konisberg'o. kaj daŭras la entuziasmo ĉe la malnovaj.

«Eno Esperantista» enpresis en sia 14ª numero la portreton de la grava esperantisto germana sinjoro profesoro Otto Simon, unu el la plej progandemaj esperantistoj el la mondo.

Kontraŭ kelkaj malmultaj gazetoj, kiuj mokeme parolas pri Esperanto, la plimulto kaj la pli seriozaj el la Germanaj gazetoj, raportas laŭde pri la tria Kongreso.

**Gvatemalujo.**—La gazeto «El Comercio», el Quezaltenango, publikigas serion da artikoloj pri Publika Instruado, de S.ro Goyzueta Abrill favoraj al Esperanto, por kiu senĉese laboras tiu ĉi estimata samideano.

**Italujo.** — Nia karega kunbatalanto «Idealo» reaperis post duonjara forestado. Ni korege salutas ĝian revenon, dezirante al ĝi longan kaj fortikan vivon, por kio ni permesas nin diri al la Italaj esperantistaj ke ĉiu el ili estas morale devigitaj helpi sian patran esperantistan gazeton.

**Meksikujo.**—Laŭ gazeto «El Imparcial», en Meksiko oni fondis societon por la lernado kaj propagando de Esperanto.

ellos hay en Europa 542: Austria 39, Bélgica 21, Bretaña 103, Bulgaria 16, Dinamarca 2, Francia 156, Alemania 49, Gibraltar 1, España 40, Holanda 9, Hungría 2, Italia 8, Malta 6, Mónaco 1, Noruega 4, Rusia 26, Suecia 20, Suiza 39. En Asia 16: India 5, Japón 4, Cochinchina 1, Rusia asiática 3, Straits Settlements, 1, Tonkín 1, Turquía asiática 1. En Africa 6: Argelia 3, Guinea francesa 1, Madagascar 1, Túnez 1. En América 69: Bolivia 1, Brasil 1, Chile 2, Canadá 4, Méjico 4, Perú 1, Estados Unidos 44, Uruguay 2. En Oceanía 6: Australia 2, Nueva Zelanda 4.

Nos enorgullece que en este movimiento de tendencias progresivas, España ocupa el quinto lugar.

**Alemania.**—Un Congreso universal de paz tendrá lugar en Munich, desde el 9 al 14 del próximo mes de Septiembre.

Nuevos grupos se han fundado en Breslau, Hannóver, Lorrach y Konisberg, y continúa el entusiasmo en los antiguos.

«Eĥo Esperantista» ha impreso en su número 14 el retrato del importante esperantista alemán, el señor profesor Otto Simon, uno de los esperantistas más afectos á su propaganda en el mundo.

A cambio de algunos pocos periódicos que en burla hablan del Esperanto, la mayor parte y los más serios periódicos alemanes se refieren con alabanzas al tercer Congreso.

**Guatemala.** — El periódico «El Comercio» de, Quezaltenango, publica una serie de artículos referentes á Instrucción pública del Sr. Goyzueta Abrill, favorables al Esperanto, para el cual trabaja sin descanso este estimado samideano.

**Italia.**—Nuestro querido compañero de lucha «Idealo» ha reaparecido después de un año de ausencia. Cariñosamente saludamos su vuelta, deseándole larga y robusta vida, para lo cual nos permitimos decir á los esperantistas italianos que todos ellos están moralmente obligados á ayudar al periódico esperantista de su país.

**Méjico.**—Según el periódico «El Imparcial», en Méjico se ha fundado una sociedad para el estudio y propaganda de

La plimulto el la geanoj estas fraŭlinoj, inter ili multaj profesorinoj.

Duonmonata gazeto «El Testigo» enpresas hispane tradukitajn belan artikolon de S.ro Scheneeberger, kaj predikon faritan de S.ro Rust en Geneva Kongreso.

**Perulando.**—En Trujillo, laŭ nia kara kolego «Antaŭen Esperantistoj» estas esperantista movado.

Tiu ĉi simpatia batalanto, dekano el la esperantistaj gazetoj el Ameriko, eniris en la kvinan jaron de sia publikigado.

En «Centro Societa de Sinjorinoj» de Lima malfermis esperantan kurson la senlaca esperantisto nia estimegata doktoro S.ro Federico Villarreal.

**Sud-Afriko.**—Laŭ nia estimata kolego «The British Esperantist», Esperanto kreskas en Pretoria'o, Middleburg'o, Johannesberg'o, Durban'o, Capetown'o kaj Bloemfontein'o.

**Svedujo.** — Klubo E perantista de Stockolmo fondis esperantan oficon nomitan «Esperanta Oficejo Stockolmo», 37 Surbrunsgatan IV, Stockolmo 6, sub direktado de S.ro P. Ahlberg. Ĝia celo estas: helpi fremdajn geesperantistojn irontajn al Stockolmo, peradi al industriistoj, komercistoj, hotelistoj, turistoj, kolektistoj, k. t. p., kaj penadi por ke la ne esperantistaj klientoj lernu Esperanton.

Rondo de Bontemplanoj fondis specialan gazeton, en kiu du kolonoj estas rezervataj al Esperanto.

Ankaŭ la Stockolm'a Sekcio de la «Sveda Filatelista Societo» decidis ke parto de la organo de la Societo estos redaktata en Esperanto.

**Svisujo.** — Honoris nin viziton de «Flugila Stelo», revuo por esperanta stenografio kiun publikigas S.ro Fr. Schneeberger de Lüsslingen. Svisujo. Ni plezurege interŝanĝos kun la simpatia kaj utila kolego.

Gazeto «Esperanto» eldonis kuriozan tabelon je samvaloroj de Internacia helpa Mono pri naciaj monoj.

Esperanto. La mayoría de los socios son señoritas, entre ellas muchas profesoras.

El periódico quincenal «El Testigo», siempre haciendo propaganda, inserta traducidos al español un bello artículo del Sr. Schneeberger y el sermón que hizo el Sr. Rust en el Congreso de Ginebra.

**Perú.**—En Trujillo, según nuestro querido colega «Antaŭen Esperantistojn» hay movimiento esperantista.

Este simpático batallador, decano de los periódicos esperantistas de América, ha entrado en el 5.º año de su publicación.

En «Centro Social de Señoras» de Lima ha abierto un curso de Esperanto el incansable esperantista nuestro estimadísimo Dr. D. Federico Villarreal.

**Sud Africa.**—Según nuestro estimado colega «The British Esperantist», el Esperanto crece en Pretoria, Middleburg, Johannesberg, Durban, Capetown y Bloemfontein.

**Suecia.**—El club esperantista de Stockolmo ha fundado una oficina esperantista llamada «Esperanta Oficejo Stockolm», 37 Lurbrunsgatan IV, Stockolmo 6, bajo la dirección del Sr. P. Ahlberg. El fin de ella es auxiliar á los esperantistas extranjeros, de ambos sexos, que vayan á Stockolmo, servir de intermediario á los industriales, comerciantes, fondistas, turistas, coleccionistas, etc., y tratar de que los clientes no esperantistas aprendan el Esperanto.

El Círculo de Sobrios ha fundado un periódico especial, en el cual se reservan dos columnas al Esperanto.

También la sección de Stockolmo de la Sociedad Bilatelista Sueca ha decidido que parte del órgano de la sociedad esté redactado en Esperanto.

**Suiza.**—Nos ha honrado la visita de «Flugila Stelo», revista para estenografía de Esperanto, que publica el Sr. Fr. Schneeberger de Lusslingen, Suiza Con muchísimo gusto cambiaremos con el simpático y útil colega.

El periódico «Esperanto» ha editado un curioso estado de equivalencias entre la moneda auxiliar internacional y las monedas nacionales.

SIM.—Efektive, vi estas prava. Kaj nun kioma horo estas?

D. DIE.—Antaŭ nemulte sonis la turhorloĝo de Sankt' Justo kaj se mi ne eraras estis la tria.

SIM.—Ha! niaj kavaliroj do estas jam rajdantaj sur la vojo kaj saltigantaj fajrerojn.

D. DIE. —Jes, kredeble ili jam foriris... Li tion promesis kaj mi esperas, ke li ĝin plenumos.

SIM.—Sed vi devis vidi kiel malgaje li foriris, kaj kiel malĝoje.

D. DIE.—Estis necese.

SIM.—Mi ja scias.

D. DIE.—Ĉu vi vidis kian malĝustatempan alvenon?

SIM.—Estas vere... Sen via permeso, sen averto, sen urĝa kaŭzo. Vere li malbone agis... Kvankam, spite ĉio, li havas meritojn sufiĉajn por ke oni pardonu al li tiun eraron... Mi volas diri... Ŝajnas al mi ke la puno ne estos pli granda... Ĉu ne?

D. DIE.—Ne, kial? Estas nur afero devigi lin returni... Vi ja komprenas en kiaj kondiĉoj li kaptis min. Mi ja certigas vin, ke kiam li foriris mi havis tian malĝojon en mia koro... (*Sonas malproksime tri ekbatoj de manoj, kaj malmulte poste oni aŭdas ludeti muzikilon.*) Kio sonis?

SIM.—Mi ne scias. Homoj pasantaj sur la strato, Kredeble kamparanoj.

D. DIE.—Silentu!

SIM.—Ja, muzikon ni havos, verŝajne.

D. Die.—Jes; se ili ludos bone.

Sim.—Kaj kiu estas la amanto kiu venas en tia horo fari muzikon sur straton tiel malpuregan? Mi vetas ke tio estas amindumaĵo al la servistino de la gastejo, kiu estas malbelulineto.

D. Die.—Eble estas.

Sim.—Nun, ili komencas; ni aŭskultu. (*Oni ludas interne serenadon.*) Nu, mi konfesas ke ludas tre lerte la petola razisteto.

D. Die.—Ne; ne ekzistas razisto kiu scias tion fari, kiel eble plej bone li scius razi.

Sim.—Ĉu vi volas ke mi rigardu iom tra la fenestro por vidi kiu...

D. Die.—Ne, lasu ilin Kompatinduloj! Kiu scias la gravecon kiun ili donas al sia muziko? Mi ne ŝatas enuigi iun. (*Eliras el sia ĉambro donja Francisca, kaj Rita kun ŝi. Ambaŭ sin turnas al la fenestro. D. Diego kaj Simono apartiĝas kaj observas.*)

Sim.—Ĉu vi volas ke mi rigardu iom tra la fenestro por vidi kiu...

D. Die.—Ne, lasu ilin. Kompatinduloj! Kiu scias la gravecon kiun ili donas al sia muziko? Mi ne ŝatas enuigi iun. (*Eliras el sia ĉambro D.ª Francisca, kaj Rita kun ŝi. Ambaŭ sin turnas al la fenestro. D. Diego kaj Simono apartiĝas kaj observas.*)

Sim.—Sinjoro, he! rapide, tien ĉi en anguleton.

D. Die.—Kion vi volas?

SIM.—Ĉar malfermiĝas la pordo de tiu dormo ĉambro kaj estas eksterordinara flaro de subjupoj.

D. DIE.—Ĉu vere? Ni malantaŭeniru.

## SCENO II

**D.ª Francisca, Rita, D. Diego, Simono.**

RITA.—Zorgeme, fraŭlino.

D.ª FRAN.—Laŭlonge la muro; ĉu mi ne bone marŝas? (*Oni ree provas la muzikilon.*)

RITA.—Jes, fraŭlino... Sed ili rekomencas ludi... Silenton!

D.ª FRAN.—Ne moviĝu... Ni eksciu unue se estas li.

RITA.—Ĉu kredeble li ne estas. La signalo ne povas mensogi.

D.ª FRAN.—Silentu. (*Ripetiĝas interne la antaŭa sonato.*) Jes, li estas! Dio mia! (*Rita alproksimiĝas al la fenestro, malfermas kaj donas tri manplaŭdojn. La muziko ĉesas.*) Vidu, li respondas. Goju, koro! Estas li.

SIM.—Ĉu vi aŭdas?

D. DIE.—Jes.

SIM.—Kion do signifas tio?

D. DIE.—Silentu.

D.ª FRAN.—(*Rigardas eksteren tra malfermita fenestro. Rita restas post ŝi. La punktetoj elmon-*

*tras la interrompojn, plimalpli longajn, kiuj okazas.*) Mi estas... Kaj kion mi povis pensi ekvidinte kion vi faris?... Kia forkuro estas tiu? Rita (*ŝi apartiĝas de la fenestro, kaj poste returnas*), amikino, pro Dio, estu atenta, kaj se vi aŭdos bruon, avertu min tuj... Por ĉiam? Malfeliĉa mi! .. Bone, ĵetu ĝin... Sed mi ne bone komprenas... Ho; ve! don Felix, mi neniam vidis vin tiel timema... (*Letero estas ĵetata de ekstere en ta teatron. D.ª Francisca serĉas sed ne trovas ĝin, kaj ree rigardas eksteren.*) Ne, mi ne kaptis ĝin, sed tie ĉi ĝi estas sendube... Kaj ĉu mi ne devas scii ĝis morgaŭ la kaŭzojn kiuj devigis vin forlasi min mortanta?... Jes, mi volas ĝin lerni el via buŝo. Via Francinjo ordonas tion al vi... Kaj kiel ŝajnas al vi ke estas la mia? Ĝi ne enteniĝas en mia brusto... Diru. (*Simono paŝas iom antaŭen, tuŝas la kaĝon kaj faligas ĝin.*)

RITA.—Fraŭlino, ni forkuru de tie ĉi... Rapide, ĉar estas homoj.

D.ª FRAN.—Malfeliĉa mi! Gvidu min.

RITA.—Ni iru. (*Elirante, Rita tuŝas Simonon. La du virinoj eniras rapidege la ĉambron de D.ª Francisca.*)

D.ª FRAN.—Mi mortas!

## SCENO III

### D. Diego, Simono.

D. DIE.—Kia bruo estis tiu?

SIM.—Unu el la fantomoj kiu forirante tuŝis min.

D. DIE.—Alproksimiĝu al tiu fenestro, kaj rigardu se estas papereto sur la planko... Kia okazintaĵo!

SIM.—(*Palpante la plankon apud la fenestro.*) Mi nenion trovas, sinjoro.

D. DIE.—Serĉu bone, ĝi devas esti tie.

SIM.—Ĉu oni enĵetis ĝin de la strato?

D. DIE.—Jes... Kia amanto estas tiu?... Kaj je dekses jaroj kaj edukita en monaĥinejo... Nun estas finita mia tuta iluzio.

SIM.—jen ĝi estas. (*Li trovas la leteron kaj donas ĝin al D. Diego.*)

D. DIE.—Iru suben, kaj ekfajru kandelon... en la ĉevalejo aŭ la kiurejo, tie vi trovos ian lanternon... kaj revenu tuj kun ĝi. (*Foriras Simono tra la centra pordo.*)

## SCENO IV

### D. Diego.

Kaj kiun mi kulpiĝos? (*Sin apogante sur la posta parto de seĝo.*)... Ĉu la kulpulo estas ŝi, aŭ ŝia patrino, aŭ ŝiaj onklinoj, aŭ mi?... sur kiun,—sur kiun falos tiu ĉi kolero, kiun mi ne povas haltigi, kvankam mi multe deziras ĝin subpreni?... Naturo faris ŝin tiel aminda je mia vido!... Kiom da flataj esperoj mi havis! kiom da feliĉeco mi promesis al mi!... Ĵaluzo!... Mi?... Je kia aĝo mi estas ĵaluza... Estas honte... sed tiu ĉi maltrankvileco kiun mi sentas, tiu ĉi indigno, tiu ĉi dezirego de venĝo, de kie devenas ili? Ankoraŭ ŝajnas ke... (*Ekvidante ke sonas bruo ĉe l' pordo de l' ĉambro de D.ª Francisca li malantaŭeniras ĝis la fundo de l' teatro.*) Jes.

## SCENO V

### Rita, D. Diego, Simono.

Rita.—Ili jam foriris... (*Rita rigardas, aŭskultas, iras al la fenestro, kaj serĉas la leteron sur la plauko.*) Helpu min Dio!... La letero estas sendube tre bone skribita sed lia Moŝto D. Felix estas grandega fripono... Malfeliĉulineto!... Ŝi nepre mortos... Neniu, ne eĉ hundo estas sur la stra-

to... Domaĝe estas ke ni konatiĝis kun ili... Sed tiu malbenita papero?... Se ĝi ne aperos, kion ni faros?... Kion ĝi diros? Mensogojn, mensogojn, nur mensogoj!

SIM.—Nun ni havas lumon. (*Li eniras kun lumilo, Rita surpriziĝas.*)

RITA.—Mi perdiĝis!

D. DIE. (*alproksimiĝante*).—Rita, ĉu vi tie ĉi?

RITA.—Jes, sinjoro, ĉar...

D. DIE.—Kion vi serĉas en tiu ĉi momento?

RITA.—Mi serĉis... Mi tuj diros.. Mi aŭdis bruon tiel grandan...

D. DIE.—Jes, ĉu?,..

RITA.—Verege... Bruon, kaj... ekvidu, sinjoro (*ŝi levas la kaĝon kiu kuŝis sur la planko*), ĝi estis la kaĝo de l' turdo. Nu, ĝi estis la kaĝo, ne estas dubo... Ho, Dio! se ĝi mortis... Ne, ĝi vivas, nu, bone. Ia kato estis. Certe.

SIM.—Jes, ia kato.

RITA.—Malfeliĉa birdeto!... Ĝi estas ankoraŭ tute timigita.

SIM.—Kaj pro granda kaŭzo. Ĉu vi ne pensas ke se la kato kaptis ĝin...

RITA.—Ĝi estus ĝin manĝinta. (*Ŝi pendigas la kaĝon sur najlo en la muro.*)

SIM.—Kaj lasinta ĝin sen plumoj nek...

D. DIE.—Donu tiun kandelon.

RITA.—Ha, permesu, ni ekbruligu tiun ĉi...

